# Esperanto en Azio kaj Oceanio

n-ro 106, Januaro 2020

Bulteno de KAOEM

Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado


Novjare salutas la prezidanto de KAOEM, s-ro Nisinaga Atusi

## "La Unuaj" en 2020



La jaro 2020 estas jaro de metala rato (庚子) laŭ la ĉina sesdekjara ciklo.
(庚) estas stato, ke planto ĉesas kreski kaj ŝanĝiĝas en novan formon.
(子) estas stato, ke nova vivo komencas ĝermi el semo.

En la E-movado en Azio kaj Oceanio, ni vidas fakte novajn ĝermojn.

La 1-a Esperanto-Forumo de Seulo kaj Ŝanhajo okazis decembre 2019 kun la temo "Ŝanĝo kaj la nuna situacio de loĝejoj en Ŝanhajo kaj Seulo" en Ŝanhaja Universitato de Internaciaj Studoj.
⇒ http://www.espero.com.cn/2019-12/24/content_75545586.htm

La 1-a versio de Memlingo, Esperanto-kurso por Aziaj lingvanoj, estos publikigita en marto, 2020.
⇒ https://sites.google.com/view/memlingo

La 1-a Filipina Junulara Kongreso de Esperanto okazos de la 23a ĝis la 26a de aprilo, 2020 en la Universitato de Filipinio Diliman, en la urbo Quezon, Manila. Al la kongreso KAOEM subvencias.
⇒ https://eventaservo.org/e/9fac4d (https://fjk.up-esperas.org/#!)

La 1-a Mez-Azia Kunveno okazos en Duŝanbeo (Taĝikio) de la 1-a ĝis la 9-a de majo, 2020. ⇒ https://eventaservo.org/e/7d2f20

La 1-a Internacia Taŝkenta Esperanto-Renkontiĝo en Taŝkento (Uzbekio) oktobre, 2020. ⇒ https://youtu.be/C1vJ3yZfMnY?t=205

Vicas "La 1-a"-j lokaj eventoj.

Mi esperas, ke ankaŭ ĉe vi estu io "La 1-a" en 2020.

## Esperantaj aranĝoj en Azio kaj Oceanio, 2020

| lando | kongreso/aranĝo | de ~ ĝis | urbo |
|---|---|---|---|
| Nov-Zelando | Aŭstralia/Nov-Zelanda Kongreso | 01-10 ~ 19 | Aŭklando |
| Tajvano | Komuna staĝo de Koreaj kaj Tajvanaj E-istoj | 02-06 ~ 09 | Pingtung |
| Nepalo | Speciala Ekskurso 2020 en Nepalo (4-a) | 02-26 ~ 03-08 | Katmanduo |
| | retadreso: nespa.1990@gmail.com | | |
| Israelo | Israela Kongreso (21-a) | 04-02 ~ 05 | Tel-Avivo |
| | retejo: http://esperanto.org.il/ik.html | | |
| Irano | Irana E-Kongreso, IREK-7 (7-a) | 04-16 ~ 04-18 | Teherano |
| | retejo: https://www.espero.ir/eo/irek-7/ / retadreso: info@espero.ir | | |
| Filipinio | Filipina Junulara Kongreso de E (1-a) | 04-23 ~ 04-26 | Manilo |
| | retejo: https://fjk.up-esperas.org/#! / retadreso: peyc2020@gmail.com. | | |
| Taĝikio | Mez-Azia Kunveno (1-a) | 05-01 ~ 09 | Duŝanbeo |
| | retejo:https://uea.org/vikio/Unua_Mez-Azia_Kunveno | | |
| | retadreso: mezaziakunveno@gmail.com | | |
| Koreio | Internacia E-Renkontiĝo de Meditado (16-a) | 05-02 ~ 05 | Gangnung |
| | retejo: https://www.youtube.com/watch?v=i2LsA5pRxiU | | |
| | retadreso: < chtaesok@hanmail.net > | | |
| Irano | Ekskurso al Irano | 05-21 ~ 27 | Borujerd |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Japanio | Kongreso de E-istoj en Kjuŝu (94-a) | 05-30 ~ 31 | Dazaihu |
| retejo: | https://sites.google.com/site/esperantokel/kongreso | | |
| Japanio | Kongreso de E-istoj en Kansajo (68-a) | 06-13 ~ 14 | Takatuki |
| retejo: | http://kleg.org/ nur nacilingve | | |
| Japanio | Japana E-Kongreso (107-a) | 09-20 ~ 22 | Nagojo |
| retejo: | https://jek2020.jei.or.jp/eo.htm / retadreso: jek2020(ĉe)jei.or.jp | | |
| Uzbekio | Internacia Taŝkenta E-Renkontiĝo (1-a) | oktobre | Taŝkento |
| retejo: | https://youtu.be/C1vJ3yZfMnY?t=205 | | |

## Novaj informoj, daŭre atendataj!

**<mondskalaj>**

| | | | |
|---|---|---|---|
| Nederlando | Internacia Junulara Kongreso (**IJK**) (76-a) | 07-11 ~ 18 | Somereno |
| Kanado | Universala Kongreso (**UK**) (105-a) | 08-1 ~ 08 | Montrealo |

Aliaj aranĝoj kaj detalaj informoj konsulteblas ĉe la retejoj:
**Eventa Servo** https://eventaservo.org/
**Internacia Kalendaro de E-aranĝoj, 2020** http://www.eventoj.hu/2020.htm

## ENHAVO - januaro 2020 -



# La 1a FJK varme bonvenigas kongresanojn de aliaj landoj

Ĉu vi iam vizitis Filipinion por ferio? Por laboro? Por esperantumado? Se la respondo estas "ne" specife al la tria demando, jen via ŝanco ŝanĝi ĝuste tiun staton!

Malfermiĝis la unua aliĝperiodo de la 1a Filipina Junulara Kongreso de Esperanto (FJK), kiu okazos de la 23a ĝis la 26a de aprilo 2020 en la urbo Quezon, Metro Manila. Profitu de la plej malaltaj kotizoj aliĝante ĝis la 27a de januaro!

Ni varme bonvenigas esperantistojn de Azio, kiuj ŝatus partopreni – sendepende de aĝo kaj devenlando. Pli diversa kongresanaro donus al lokaj junuloj ŝancon efektive pligrandigi siajn internaciajn amikarojn kaj altigos la prestiĝon de FJK mem!

Aliĝu per tiu ĉi ligilo:
https://fjk.up-esperas.org/#!/register
Vidu la Regularon pri Aliĝoj kaj Pagoj ĉi tie:
http://tinyurl.com/FJKAlighoj

## Bunta programo en speciala loko

FJK okazos en la Universitato de Filipinio (Diliman), la ĉefa ŝtata universitato de la lando, kie kongresanoj ĝuos grandan kaj verdan terenon kun paca kaj sekura etoso ekster la urbocentro. Tie, eblos trankvile promeni, ekzerciĝi, bicikli, eĉ legi librojn sub grandaj arboj.

Okazos interalie la Movada Forumo, en kiu kongresanoj povos diskuti pri la stato de la filipina Esperanto-movado, la Kultura Vespero, en kiu ĉiujn ni regalos per artaj prezentaĵoj de lokaj esperantistoj kaj konataj kulturaj kaj artaj grupoj, kaj la Kulturlingva Foiro, en kiu ĉiuj povos mem interŝanĝi konojn pri siaj devenlokoj kaj ties respektivaj kulturoj kaj lingvoj. Okazos diversaj prelegoj kaj aktivaĵoj, dediĉitaj al la kapabligo de lokaj esperantistoj kaj pliintegriĝo de la loka komunumo. Alilandanoj havos ŝancon proponi siajn proprajn programerojn – kontrolu la retejon por pli da informoj!

FJK finiĝos per ekskurso al la koro de la ĉefurbo Manila, kiu donos al ĉiuj la ŝancon pli profunde koni la kulturajn kaj historiajn heredaĵojn de la lando per tuttaga vizito al pluraj famaj turismaj lokoj.

**Iĝu Kongresa Patrono!**

Ni invitas samideanojn kiuj ŝatus subteni FJK-n iĝi Kongresaj Patronoj. Kongresaj Patronoj pagos pli altan, fiksitan aliĝkotizon ol ordinaraj kaj moralaj aliĝintoj. Ili estos speciale menciitaj en la Kongresa Libro kaj dumkongrese, kaj ricevos specialan donacon de la LKK! La kotizo por Kongresa Patrono kostas nur 88 EUR.

Por demandoj ktp., bv. skribi al peyc2020@gmail.com. Ni antaŭĝojas vidi vin inter niaj kongresanoj!

< Albert Stalin T. Garrido / Prezidanto de LKK>
albertstgarrido@gmail.com

el la redaktejo

---------------------------------------------------------------------

La **limdato** de manuskriptoj por la sekvanta (**aprila**) numero estos la **10-a** de **marto**.

---------------------------------------------------------------------

Kaj **ĉiam atendataj** estas:

viaj **raportoj** pri E-aj agadoj ne nepre longaj!

Tre sufiĉas konciza raporto, kiam kie kiuj aŭ kiom da homoj kion faris; se eble, estu ankaŭ fotoj kaj komentoj pri la okazaĵoj laŭ vi notindaj.

viaj **anoncoj** pri E-aj aranĝoj ne nepre detalaj!

Tre sufiĉas informi nin pri la retejo kie oni anoncas pri la evento; la redaktanto iele-tiele aranĝos artikolon utiligante tieajn informojn.

viaj **opinioj/proponoj**

pri azia-oceania Esperanto-movado aŭ pri nia bulteno; taŭgajn proponojn ni adoptos kaj/aŭ aperigos en tiu ĉi bulteno.

---------------------------------------------------------------------

Bonvolu sendi al Kaŭa: anatiti.7@gmail.com

# Irano

- **Lastatempe en Irano**, denove ni aŭdas multon pri la neceso **forigi la anglan lingvon el la lerneja edukad-sistemo**. Eĉ oni proponas anstataŭigon de ĉina aŭ rusa lingvoj en la lernejoj. Estas ankaŭ multaj kontraŭstaraj esprimoj pri tiuj ĉi proponoj. Ŝajnas ke la registaro kaj la edukad-sistemo sentas danĝeron pri la hegemonio de angla lingvo kaj intencas iel rompi regadon de angla lingvo en lernejoj.

Rilate al tiu ĉi grava afero, Inĝ. Mamduhi prezentis du prelegojn kadre de Monataj Prelegoj de Irana Esperanto-Asocio (IREA). Interesa estis la titolo elektita de li por tiuj du prelegoj. La unua prelego, "La angla, kial ne!", estis prezentita en la 14-a datreveno de Monataj Prelegoj de IREA kaj vaste kaptis atenton en interreto kaj sociaj ret-grupoj. La dua prelego, "Esperanto, kial jes!" estis prezentita en la fest-programo de Zamenhofa tago en IREA-oficejo.

- **Daŭras Seminarioj** pri Esperanto **en Raŝt-urbo**. S-ro Sedaghat daŭre okazigas tiajn seminariojn kaj prezentas la lingvon al la publiko.



- **Festo okaze de la 14-jariĝo de Monataj Prelegoj en IREA**.

Antaŭ 14 jaroj d-ro Sayadpour iniciatis ĉiumonatan preleg-sesion kiu daŭras regule ĝis nun. D-ro Keyhan Sayadpour, la iniciatinto kaj organizanto de Monataj Prelegoj de Irana Esperanto-Asocio, nun i.a.




kun helpo de internacia grupo el kompetentaj samideanoj estas fintradukita la ĉefverko de Sadio (1184 — 1281), La Florejo, en Esperanton.




- **Laboroj por** la sukcesa okazigo de la 7-a **Irana Esperanto-Kongreso** (IREK-7) daŭras.

- **Same kiel ĉiujare**, iranaj esperantistoj celebris la **naskiĝtagon de Zamenhof**, la 15-an de decembro. Ĉi-jare krom kutime en Tehrano, en alia urbo nome Saghez en okcidenta parto de Irano, oni festis.





- **Dumviva subtenanto, honora membro de Esperanto-Asocio.** S-ino Heŝmat Faraĝi estas delonge rekonita kiel efektiva subtenanto kaj kontribuanto al la Esperanto-movado en Irano. Ŝi estas vivante eksterlande dum multaj jaroj kaj ĉiam donas sian materian kaj spiritan helpon en ĉiu ebla maniero por plibonigi Esperanton. En 2007, membroj de la komitato decidis nomumi ŝin honora membro de la asocio, kaj ĉi-jare la nunaj komitatanoj unuanime aprobis ŝian konstantan honoran membrecon.

Dum vojaĝo al Irano ĉi-aŭtune, sinjorino Faraĝi malavare donis sian monatan pensionon al Irana Esperanto-Asocio.



- **La libro de "Renkontoj Kun Diferenculoj"** estas tradukita en kurdi-lingvon per Irana esperantisto S-ino Shler Karimi .

"Renkontoj Kun Diferenculoj" estas la titolo de libro de pola aŭtoro (Przemysław Paweł Grzybowski) kies persa traduko antaŭe estis farita per grupo de iranaj esperantistoj.

(raportas: s-ro Hamid Babadi Akasheh)

landaj agadoj – Suda Azio

## Barato



**Esperanto en Aŭrovilo**

La 16an de Novembro, 2019 komenciĝis kurso pri Esperanto en Aŭrovilo apud Pondiĉerio en la suda Barato. Temas pri oficiala kurso ĉe la Aŭrovila Lingvo-Laboratorio. Partoprenas ok lernantoj el kiuj kvar estas lingvo-instruistoj. Abundas entuziasmo pri Homaranismo, kiu similas al la filozofaj ideoj de Ŝri Aŭrobindo, poeto kaj filozofo sur kies konceptoj fondiĝis la urbeto Aŭrovilo.

Baldaŭ komenciĝos Aŭrovila Esperanto-Rondo kiu estos kvazaŭ klubo de esperantistoj kiuj kunsidos kaj kune manĝos kaj babilados ĉiu-dimanĉe ĉe la restoracio "La Terrace" apud la "Solar Kitchen" (Suna Kuirejo). Ĉiuj estas bonvenaj ĉe la Esperanto-Rondo.

Komenco bona, laboro duona.

(raportas: s-ro Naga Siva Kotha)



## Vjetnamio





**Zamenhof-tago en HANOJO**

Matene en dimanĉo la 22 an de decembro, 2019, kunlaborante kun VEJO kaj HANEA, post longtempa, bona preparado, VEA organizis ZAMENHOF-TAGON. Iom malfrue kaj nekutime, VEA ĉi-foje festis naskiĝdatrevenon de ZAMENHOF en KULTURA, TURISMA VILAĜO de ETNAJ VJETNAMAJ POPOLOJ; tiu vilaĝo situas 50 kilometrojn fore de Hanoja centro.

Partoprenis en ĉi tiu jarfina, grava kaj interesa evento ĉirkaŭ 50 membroj, inkluzive de hanojaj esperantistoj, VEJO-anoj, komitatanoj de VEA kaj geamikoj kaj familianoj de esperantistoj; ĉeestis ankaŭ honoraj gastoj, japana veterano, s-ro HORI JASUO, kaj konstanta vicprezidanto de HUAO, s-ro CAN VIET ANH.

La programo de tiu festo estis tre riĉa:





En frua mateno turisma granda aŭtobuso transportis esperantistojn kaj gastojn al la BELA VILAĜO de vjetnamaj etnoj. Alveninte la tuta grupo estis bonvenigita kaj akceptita per spektaklo de etnanoj kun naciaj tamburoj kaj bronzaj gongoj. Poste ni ĉiuj grupiĝis sub granda komuna domego, konstruita de bambuoj kaj pajloj. Ni aŭskultis la vivon kaj laboron de nia majstro ZAMENHOF per rakonto de VEA-prezidanto NGUYEN VAN LOI. Resumo kaj disdonado de atestiloj de SUMOO-legkonkurso estis plej interesa parto. Sed la ludvorto restigis al ĉiuj tre impresajn sentojn kaj memorojn. Tio estu ankaŭ la okazo, ke esperantistoj rememoras historion de nialanda Esperanto-movado. Ĉi-okaze, VEA disdonis gratul-paperojn al la organizantoj, kiuj perfekte, efike, pacience laboris por la brila sukceso de la 9a Azia-Oceania Kongreso en pasinta aprilo 2019 en la urbo DANANG. Post tagmanĝo kaj komuna fotado, kuna kantado de la Esperanta himno "LA ESPERO" estis la fina parto de la festo.

Reveninte al la centro de la ĉefurbo, preskaŭ ĉiuj estis lacaj sed impresitaj pro la interesa kaj rememorinda evento de Esperanto.

(raportas el HANOJO: s-ro HA NGUYEN)

## Indonezio



### Duontaga Ekskurso en Zamenhof-tago 2019

Okaze de Zamenhofa tago ni organizis ekskurson en la urbo Ĝakarto la 15an de decembro, 2019. Aliĝis 20 homoj, sed nur 10 reale partoprenis. Kelkaj el ili estis novuloj kiuj interesiĝis pri Esperanto.

La ekskurso komenciĝis matene je la 9a ĝis la 3a posttagmeze. La grupo kolektiĝis en MONAS, la nacia monumento kiu estas konata kiel urba simbolo. Promenante en la vizitindaj lokoj, la partoprenantoj aŭskultis la informojn en Esperanto, sed ili ankaŭ ricevis la paperon de la informoj en Indonezia lingvo.

Ĉi tiu ekskurso daŭris ĝis la malnova parto de la urbo, "Kota Tua" kiu rakontas la historion de la nederlanda epoko. Pro la modernigo multaj aferoj ŝanĝiĝas kaj malmulte da historiaĵoj restas. Tial gravas la agado sciigi la historion kaj samtempe aŭdigi Esperanton.

En la lunĉopaŭzo, la partoprenantoj alvenis al la restoracio kiu situas en la malnova areo de la urbo. Tie ni iom ripozis, tagmanĝis kaj agrable babiladis. Kelkaj ĝuis la ŝancon demandi pri Esperanto kaj la movado.

Ĝis la fino de la eks- kurso, ni diskonigis Esperanton al ĉirkaŭaj pasantoj per faldfolioj kaj ludoj. La ekskurso finiĝis sukcese kun ĝojo.

<Raportas s-ino Ilia Sumilfia Dewi : iea@esperanto.or.id >



## Ĉinio

### ◆Tajvano

**Malgrandskale, malrapide, sed certe progresas nia Movado**

Lastjara Zamenhofa Festo en Tajvano, ne tiel granda, tamen laŭ kutimo lukse okazis. Per la reta paĝo "Tajvana Esperantujo" jam 4jara sur Fejsbuko, tiuj tajvananoj, kiuj volas kontakti nin por partopreni la Esperantan eventon, povas facile tion fari. Kvankam la nombro estas malgranda, tamen la afero fakte antaŭeniras. Tajvana Esperanto-Movado lumas ĉi tie en Pingtung (en sudo de Tajvano) per nia paca lingvo: Esperanto.

Antaŭlastjare ni havis "Zamenhofa Festo"-n en Tainan-urbo (kiu situas ankaŭ en sudo de Tajvano). Venis du poliglotoj, Teddy Nee (Indoneziano) kaj Hanbido (Koreo). Venis ankaŭ Hugo kaj Marty, junuloj el Kauohsiung en nordo de Tajvano.

Ankaŭ lastjare ili, kiel sezonaj birdoj, partoprenis en la Zamenhofa Festo. Malsama estis la progreso de Teddy kiu jam eldonis kelkajn lernolibrojn dulingvajn, inkluzive "Neformala Esperanto: parolata Esperanto por ĉiutaga vivo". Hanbido nun estas studento de Nacia Tajvana Universitato; lia fako estas ĉina lingvo! Kaj Marty kaj Hugo daŭre lernas Esperanton per si mem.




Cetere venis novaj geamikoj, Viktoire Schelcher kaj ŝia fratino, kies gepatroj estas francaj esperantistoj. Viktoire nun estas interŝanĝa studento en Taipei. La fratinoj ankoraŭ estas

komencantoj. Sed ili klopodis partopreni nian programon kaj amikiĝi kun aliaj esperantistoj.

Karol venis el Pollando; ankaŭ li estas studento de universitato en nordo de Tajvano. Li kun sia koramikino tranoktis en Kaouhsiung en la antaŭa tago de Zamenhofa Festo. Lia koramikino estas Tajvanino, kaj ŝi interesiĝis pri Esperanto kaj povis iom komuniki nin per ĝi.

La oficiala programo de Zamenhofa Festo komenciĝis posttagmeze. En la mateno ni aranĝis libroservon, kurson por komencantoj kaj liberan babiladon.

Antaŭlastajare Teddy kaj Hanbido prelegis pri interesaj temoj ekzemple pri kulturaj diferencoj inter Koreio kaj Tajvano. Ni havis bonan impreson. Lastjare Teddy prelegis, kiel kaj kial li fariĝis poligloto. Hanbido prelegis pri ĉina ideogramo; li uzas interesan ĉinan ideogramon, eĉ de Vjetnamio. Ni tajvananoj scias nenion pri vjetnamaj ĉinaj ideogramoj, do ĝi estis interesa temo por ni.



Benjamen Irwin prezentis Kanadon, precipe la urbon Montrealo, kiu estas ĉi-jara UK-urbo. Lia prelego prenis nian atenton, precipe la lasta parto kun la filmeto kiun Montrealaj esperantistoj faris profesie kaj bele.

Lokaj tajvanaj esperantistoj de Pingtung (ĉiuj inaj!) havis 3 prelegojn: Yvonne prezentis agadon de komuna staĝo en Jeonju, Koreio. Liru raportis pri la 9a Azia-Oceania Kongreso en Vjetnamio. Kaj Ingrid prelegis pri beleco de Tajvanaj montoj.







Laŭ kutimo, Reza raportis Esperantan movadon en Tajvano.

Venis el Pingtung kelkaj neesperantistoj kaj esperantistoj. Sofi kaj Ingrid daŭre diligente partoprenas Esperantan Sumoon. Ingrid nun partoprenas en Poŝtkruciĝa projekto. Ŝi ofte ricevas diversajn belajn aŭ interesajn poŝtkartojn. Jolie longe ne aperis en kunvenoj pro tio ke ŝi nun havas novan laboron kaj novan studon en universitato vespere. Abengo kiel kutime aktive kaj varme ĉeestis. Ĉi-foje, pro tempomanko li ne prelegis, sed li kunportis flagon kaj registris nian agadon per fotoj. Li ankaŭ tre aktivas por prezenti Tajvanan kulturon en Fejsbuko. Prof. Wang ĉi-foje ne povis ĉeesti, sed li per letero al ĉiuj esperantistoj salutis. Manlajo ne ĉeestis, eble ĉar emeritiĝinte li ofte vojaĝas eksterlande. Kevin pro afero de siaj infanoj en la lernejo ne povis ĉeesti.

En 2019 ni ne havis kurson en la loka komunuma universitato, sed Ingrid daŭre havis kurson en Pingrong mezalta lernejo, kaj havis 22 lernantojn. Yvonne en nia Esperanto-centro (en la unua etaĝo de ŝia hejmo kaj jogejo) starigis bazan kaj meznivelan kursojn dum la somera feriaro. Kaj ni komencintoj aŭ studis mem aŭ partoprenis kongreson aŭ staĝon aŭ Esperantan Sumoon por daŭre progresigi nian Esperanto-nivelon.

En la komenco de februaro 2020 koreaj esperantistoj el Jeonju kun ni havos komunan staĝon en Pingtung dum 3 tagoj. Antaŭe ni havis unufoje similan agadon. Ni esperas, ke ni kaj amikiĝos kun ili kaj multe praktikos nian komunan lingvon Esperanto.

### Esperantaj aranĝoj en Tajvano, 2019

Sep.~dec. E-kurso en la gimnazio Pingrong kun 22 lernantoj

03-22 Prezentado pri Irana Novjaro en Nacia Universitato Chung Hsing (Taichung)

04-25~28 La 9-an Azia-Oceanian Kongreson Liru partoprenis

05-05 Ann, Franca e-istino, vizitis la urbon Pingtung

06-08 Kunveno kun la temo "Irano kaj Vjetnamio"

07-18 La 3a Internacia Kongreso de IRUHA (Internacia Reto de Universala Homama Asocio) en Taipei

07-11~08-15 Someraj Kursoj: enkonduka kun 5 novaj lernantoj ; meznivela kun 5 lernantoj

08-15 Vizito de Simone Robert (Nov-Zelandano)

09-26 Vizito de D-rino Azar Karimi (Irano)

11-11 Prelego pri irana kulturo kaj muziko en la Nacia Pingtung-Universitato

11-29~30 Staĝo de KEA-filio: Liru kaj Yvonne partoprenis

12-22 Zamenhofa Festo en Pingtung: partoprenis ĉirkaŭ 20 el 7 landoj; 4 el norda, 1 el meza kaj 3 el suda Tajvano; okazis 7 prelegoj.

**Vizito de eksterlandaj gastoj, 2019**

**D-rino Zahra Karimi** el Irano venis en januaro por 9-monata restado ĉe Universitato Chung Hsing en Taichung. Ŝi gajnis subvencion de Tajvana Ŝtato por esplori historion de tajvana ekonomio. Dum la restado ŝi kelkfojojn venis al Pingtung kaj ĉeestis la E-ajn kunvenojn. Ŝi verkis longan raporton pri la supra temo.

**S-ino Simone Robert,** belgino nun loĝanta en Nov-Zelando, venis en la mezo de aŭgusto kaj restis unu semajnon. Ŝi antaŭe loĝis en Tajvano dum 5 jaroj kaj multe kontribuis al la loka E-movado. Ni havis bonvenigan kunvenon kaj aŭdis ŝiajn aventurojn en monda vojaĝo kaj nunan vivon en Nov-Zelando.

**S-ino Ann Vernet, francino** kiu antaŭe loĝis en Tajvano kaj lernis ĉinan lingvon, ree venis por pli da lernado de la ĉina. Ŝi ankaŭ vizitis la urbon Pingtung kie ni tagmanĝis babilante i.a. pri ŝia bela hejmurbo en Francio.

**S-ro Jorge Camacho, la fama hispana poeto**, kies edzino estas el Pingtung, Tajvano, preskaŭ ĉiujare vizitas Tajvanon kun sia edzino. Ĉi-foje ni havis manĝon kun li en bela restoracio en Pingtung. Venis ĉirkaŭ 10 por bonvenigi lin. Liru prezentis al li la novan libron "Septembre, surstrate en Tokio" kiun oni eldonis okaze de la komuna kongreso de Japanio kaj Koreio en 2018. Jorge rapide legis ĝin kaj recenzis por Formoza Folio kaj Beletra Almanako. Li ankaŭ redaktis la tradukaĵon de prof. Wang, "Vaka monto kaj inspira pluvo".

(Raportas s-ino Liru CHEN)

**Koreio**

## La komuna staĝo de Jeonam-buk KEA

"La 8a Komuna Staĝo de GwangjuJeonnam-Jeonbuk-filioj" okazis en la 29a kaj 30a de nov. 2019 en Manduksan-Trejnejo en la urbo Jinan, kun 31 partoprenantoj inkluzive de 2 tajvananoj kaj 2 ĉinoj. Dank' al ilia lernemo glate plenumiĝis la programeroj: kantado, sinprezentado, raporto pri la 106a Japana E-Kongreso, kartludo, jogo kaj ekskurso al la monto Mai. La evento estis tre utila ne nur por progresintoj, sed ankaŭ por komencantoj tre kuraĝaj por uzado de Esperanto. La sekvanta Komuna Staĝo okazos en Pingtung, Tajvano, kun tajvanaj samideanoj de la 6a ĝis la 9a de februaro, 2020. Bonvenon al la Staĝo!




## La 160-a Datreveno de la naskiĝo de L. L. Zamenhof

Okaze de "La 160-a Zamenhof-Tago" kunsidis 57 membroj de Korea Esperanto-Asocio en la Seula Urbodomo en la 15a de decembro kaj celebris la solenan tagon kun "La 2a Tago de Esperanto-Libro". Kun la himno "La Espero" kaj la saluto de prez. SO Jinsu la ceremonio komenciĝis kaj sinsekvis laŭvice diversaj memorindaj aferoj rilataj al la agadoj de KEA dum 2019






kaj por 2020. Por la 100-jariĝo de KEA en 2020, d-ro CHONG Woncho, prezidanto de ĝia prepara komitato, prelegis pri la temo "Gravaj pioniroj laŭ periodoj" kaj la gvidkomitatano JEON Gyeongdeok prelegis pri korea E-movado dum 1960-aj kaj 70-aj jaroj. En la 2a Tago de Esperanto-Libro, kiu celas la lernadon de Esperanto de KEA-membroj per Legado-Kampanjo organizita de Libro-servo de KEA de marto ĝis novembro, 2019, KEA premiis 6 "Legantojn de la Jaro" el la aliĝintoj per recenzoj. La organizanto deziras, ke pli da membroj aliĝu al la kampanjo en 2020. Rondo Amuze kaj Ariran Grupo gratulis la 160an datrevenon de nia majstro L. L. Zamenhof per belaj kantoj kaj muzikludoj, kaj la ĉeestantoj ja amuziĝis per la agrabla atmosfero.

**La 1-a Esperanto-Forumo inter Seulo kaj Shanghai**

Seula Filio de KEA kaj Ŝanhaja E-Asocio okazigas de la jaro 2019 Esperanto- Forumon alterne en du urboj. Por la 1-a Forumo de la 17a ĝis la 22a de decembro 13 koreoj inkluzive 3 geamikojn el aliaj urboj vizitis la urbon Ŝanhajo. La kerna forumo okazis en la 21a de decembro en Ŝanhaja Fremdlingva Universitato kun la temo "Loĝejo: Historio kaj Nuntempa Tendenco de Koreio kaj Ĉinio". Malnova kaj tradicia distriktoj kaj historia domego rilata al Korea Provizora Registraro kaj la urbo Hangzhou estis vizitataj krome. La 2a Esperanto-Forumo havos la lokon en la 52a Korea Kongreso 2020 en Seulo.



**stratokoncerto por disvastigi Esperanton**

En la 13a de sep., 2017, Rondo Amuze fondiĝis de kantoamantoj por disvastigi Esperanton per kanto. Ĉiumerkrede la membroj kunvenas por kanti kaj jam kelkajn fojojn prezentis kantadon en diversaj Esperantaj eventoj. En la 20a de nov. 2019, la rondo havis la specialan aranĝon "Kanti Surstrate" prezentante Esperantajn kantojn al la vojirantoj sur la strato Myeongdong, centro de Seulo. 13 membroj prezentis 9 kantojn dum 40-minutoj, kondukite de Amira

(CHUN Kyungok). Tio estis unuafoje provita en korea Esperanto-movado kaj tre kortuŝis la ĉeestantojn, kiuj venis kuraĝigi la kantantojn. Ĉiuj deziris, ke la Rondo Amuze povu prezenti la kantojn antaŭ pli multaj homoj sur pli granda scenejo.

(Raportas: s-ino Oh Soonmo, Vicprezidanto de KEA)



## Japanio

**La 83-a Hokkajda Kongreso de Esperanto** okazis la 2an kaj la 4an de novembro en la urbo Sapporo.

La kongreso en la plej norda regiono havis la lokon en Kaderu 2-7 (Centro por Hokkajdana Aktivado), kie okazis la 99-a Japana Esperanto-Kongreso en 2012. Kaj ĝin efektive ĉeestis 26 homoj.

Unue la prezidanto anstataŭe legis la gratulojn nome de JEI (Japana Esperanto-Instituto) kaj NOEL (Nord-Orienta Esperanto-Ligo). Kaj nia HEL (Hokkajda Esperanto-Ligo) faris decidon pri la novaj redaktistoj de nia organo. La lasta ĉefredaktoro HOŜIDA Aĉuŝi laboris dum 23 jaroj. Poste ni decidis nove fari elektronikan organon per PDF kaj sistemon de elektronika membro. Tio kontribuas por la redukto de niaj kostoj.

Niaj organoj estas jene:
http://www.hokkajda-esp-ligo.jp/jp/HEROLDO_PDF/index_esp.html

Nokte 8 homoj ĝoje bankedis por amikeco.

La 3an ni planis koncerton de la rusa esperantisto Mikaelo BRONŜTEJN. Sed bedaŭrinde ni devis ĉesigi ĝin pro lia reveno al lia patrujo kaŭze de lia familia malfeliĉo.



La 4an de nov.

Ni planis prelegon de Mikaelo. Bedaŭrinde ni devis ĉesigi ankaŭ ĝin. Rapide ni petis la japanan veteranan esperantiston HORI Jasuo prelegi en nia kongreso. Li agrable akceptis nian peton. Li prelegis pri Esperanta movado de la japana regiono GUNMA. La persono en la temo estis la esperantisto NIŜI Seiho, kiu estis prezidanto de la Universitato de Gunma. Tiu stimulis junulojn elvolvante homaranismon. Poste HORI prelegis pri sia patro kaj la milito, kolekto de 166 pacaj mesaĝoj el 56 nacioj, raportoj de la Japana Nord-Orienta Regiona katastrofo inkluzive de la Fukuŝima-Katastrofo. Li sendis la raportojn de la katastrofo al 1200 esperantistoj en la mondo, kaj en Francio oni faris teatran dramon surbaze de liaj raportoj. Lia lasta prelego estas Internacia Esperanto-Sumoo. Lia pasio pri Esperanto imponis nin.

<Raportas: s-ro JOKOJAMA Hirojuki>

Ĉi-sube vi legos la duan parton de la vojaĝraporto de d-ro So Gilsu daŭrigitan de la antaŭa novembra numero. Kaj notindas, ke la redaktoro forigas el lia originala manuskripto la retadresojn de la unuopaj e-istoj. Se vi nepre bezonos ilin, bv. turni vin al Kaŭa: anatiti.7@gmail.com

- speciala kontribuo de d-ro SO Gilsu kaj s-ino YI Ungum –

# la vojaĝo en Meza Azio kaj Esperanto, 2019
## (la dua parto)

**<la dua parto en tiu ĉi numero>**
Ⅳ. Uzbekio(2) : okt. 8 ~ okt. 12
Ⅴ. Turkmenio : okt. 12 ~ okt. 16.
Ⅵ. Kirgizio. : okt. 17 ~ okt. 20

**<la unua parto en n-ro 105>**
Ⅰ. Kazaĥio : sep. 30 ~ okt. 2.
Ⅱ. Taĝikio : okt. 2 ~ okt. 4.
Ⅲ. Uzbekio(1) : okt. 4 ~ okt. 7

### Ⅳ.Uzbekio(2) Samarkando



La 8an de oktobro, mi veturis al Samarkando per la ultraekspresa trajno "Afrasiyab".

### 1. esperantisto kaj pacisto, la malnova amiko Anatoli!




“Vidu la stangon sur kiu ‘paco regu sur la tero’ estas skribita en Esperanto.”

Tuj post la alveno mia malnova amiko Anatoli laŭte kriis ekster la barilo.

Mi povis renkonti la rezultojn de Anatoli por paco kaj Esperanto ne nur ĉe la stacidomo, sed eĉ en alia urbo Shah-ri-sabz ĉe ‘Historia Muzeo de Amir Temur’. Li fondis la muzeon de paco, por kies sukceso li plene utiligis Esperanton.

Anatoli klarigas pri sia movado por paco per komputilo en sia domo.

## 2. granda helpo por mia scienca studo

### 1) viziti muzeon Afrasiab

La ĉefa celo de mia vizito al Samarkando estas viziti muzeon de Afrasiab, kio necesas por skribi mian historian libron, kaj eltrovi svastikon el eksponataj artefaktoj.





Anatoli jam aranĝis mian viziton, kaj la direktoro de la muzeo, d-ro Samariddin I. Mustafokulov, atendis min ĉe la pordo. Ni plene diskutis pri la studo de 2 Kori-anoj (anoj de antikva norda Koreio/高句麗), kiuj vizitis samarkandon en la 7-a jarcento, dank' al la perfekta paralela interpreto de Anatoli.

Krom tio la direktoro montris al mi du svastikojn el la pecoj de muro en 14~15-a jarcento. mi sukcesis du celojn samtempe.

### 2) viziti Arkeologian Muzeon

Anatoli ankaŭ aranĝis mian viziton al la Instituto de Arkeologia Esploro ĉe la Akademio de Sciencoj de Uzbekio, kie lia frato mem longe laboris. Mi speciale volis foti la svastikon de 7-jarcenta monero, sed ĝi ne estis eksponata. Mi tamen tie eltrovis 2 tre rarajn



svastikojn en islama epoko. Mi povis ankaŭ propraokule vidi nove elfositan pentraĵon sur ligno, kiu ankoraŭ ne estis publikigita. D-ino Marina A. Reutova, estrino de la fako de kemi-teknologiaj esploroj kaj konservado de historiaj monumentoj, afable demandis sian kolegon pri svastiko en Uzbekio. Laŭ lia rekomendo mi ŝanĝis mian itineron kaj vizitis la urbon Khiva, kie mi eltrovis kelkajn svastikojn de Islama epoko. Do, granda neatendita rikolto de la vizito.

### 3. publika prelego en Nacia biblioteko

### 1) viziti la ĉambron de Esperanto-libroj.

La Regiona Biblioteko, kiu havas la kolekton da Esperanto-libroj, tiam estis riparata, kaj uzas provizore alian konstruaĵon. Kiam mi vizitis la bibliotekon, s-ino Shahodat B. Ahmedova, direktorino de la Samarkanda regiona inform-biblioteka centro “A.S. Puŝkin” mem prezentis Esperantaĵojn.




### 2) publika prelego por ne-esperantistoj.

En la sama biblioteko okazis la publika prelego. Por sciigi la prelegon Anatoli kaj la biblioteko pretigis invitilon en la lingvoj uzbeka kaj rusa, kaj aparte prezento-slipon de preleganto.

Partoprenis pli malpli 25 anoj, kaj la prelego progresis laŭ la demandoj kaj respondoj. Jen kelkaj temoj:

1) Kian libron vi nun verkas? Mi koncize parolis pri la historio de Koguri(Kori), kaj 2 senditoj de Kori-ujo, kiuj sin trovas en la murpentraĵoj de Afrasiab(Samarkando)

2) Je kelkaj demandoj pri Esperanto, mi respondis pri la 3 kondiĉoj de internacia lingvo, kaj mia sperto praktiki Esperanton, specife pri la vojaĝo en pli ol 130 landoj per Esperanto.



3) Konforme al la demando, mi rakontis pri mia familio.

La prelego celis kiel oni povas perfekte komunikiĝi en diversaj kampoj per Esperanto. La prelego sukcesis dank' al la profesia interpreto de Anatoli. Mi ĝis nun ne vidas tiel lertan interpretiston de Esperanto en aziaj landoj.

**4. bela invito de esperantista domo en agrokulturejo.**

Vespere ni kaj japana junulo (s-ro Masaya Seshimo) estis invititaj de esperantisto, kiu esperantistiĝis en Bydgoszcz, Pollando. La fruktoj kaj legomoj de la luksa vespermanĝo estis plejparte produktitaj en lia propra bieno.





**5. mallonga vizito, granda rikolto.**

Kvankam mi restis tre mallonge, amiko Anatoli aranĝis perfekte, kaj la rezulto estis tre granda.

1) "Esperanto helpas amikiĝi kaj kunlabori" la tutlanda prikultura reta magazino Kultura.Uz. 26.10.2019
⇒retejo: http://kultura.uz/view_2_r_14165.html

2) "Esperanto helpas amikiĝi kaj kunlabori", Reta Revuo Esperanto 28.10.2019 ⇒retejo: https://revuoesperanto.org/node/337

3) Lady Weekly No. 43, 24.10.2019 p. 19

ПЛАНЕТА поздравляет Самарканд

I ❤ SAMARKAND

4) "Renkonto kun scienculo kaj vojaĝanto" aperinta en la oficiala Facebook-paĝo de la Samarkand-regiona biblioteko.
⇒retejo: https://www.facebook.com/libsamarkand.uz/

5) la fotoafiŝo farita de Anatoli



## 6. el konversacio

"Mia sinteno estas klara, ke ne gravas kie okazos E-kunveno, sed ĝi devas esti altnivela. Kiam la kunveno estis proponita, mi ne kuraĝis okazigi altnivelan, kaj mi ne povis akcepti. Kiam mi demandis pri tio al Gafur, li ankaŭ malakceptis pro malsano, kaj fine la demando iris al Firdaus."

## IV. konkludo.

1) Kiel vi vidas en ĉi-suba tabelo, Uzbekio havas la plej grandan loĝantaron el 5 mezaziaj landoj, kaj ankaŭ nia movado havas plej firman bazon. Mi tamen atendas la revekiĝon de nia movado en Kazaĥio, kiu havas gigantan teritorion kun plej alta pokapa enspezo. En la UK Seula aliĝis 5 anoj el Kazaĥio, kio signifas, ke ili kapablas memstare financi sin. Tiusence la kunlaboro inter Uzbekio kaj Kazaĥio estas plej atendata.

2) Taĝikio estas unu el la 2 landoj, kiuj havas landan asocion. Sed ili restas en plej malfavora stato de ekonomio. Ni, do, devas helpi ilin por daŭrigi nian movadon en la lando.

| lando | loĝantaro (mil homoj) | areo (mil km²) | pokapa GDP |
|---|---|---|---|
| Uzbekio | 33 524 | 449 | $ 1 830 |
| Kazaĥio | 18 400 | 2 720 | $ 9 140 |
| Taĝikio | 9 100 | 140 | $ 877 |
| Kirgizio | 6 130 | 190 | $ 1 290 |
| Turkmenio | 5 850 | 480 | $ 7 820 |

*IMF 2019



3) Kirgizio estas relative malgranda lando. Sed ĝi havas fekundan grundon, ĉar laŭ mia vido, Kirgizio estas plej malfermita, kaj junuloj strebas libere komunikiĝi kun eksterlandanoj.

Plenaĝuloj kun tradicia kostumo, kaj junulino kun mantelefonilo (ege libera kaj malfermita).

Kiam ni kun Gafur parolis en Esperanto antaŭ la pordo

de Nacia Muzeo, iu junulo tuj havis scivolemon pri la lingvo uzata de ni. La junulo estis kirgizo. Cetere antaŭe estis E-grupo en la lando. Gafur havas planon havi kurson en Kirgizio. Mi esperas, ke Gafur sukcesos pri la kurso, kaj atendas UK en la lago Issy-kul alta je 1,600m, plej bona loko en somero.

4) Turkmenio estas la plej fermita lando el la 5 landoj de Meza Azio.

Nia ĉiĉerono havis grandan intereson pri Esperanto. Kaj mi donis al li la vortaron rusa-esperantan, kaj aliajn librojn, kiujn mi donace ricevis de amikoj en Uzbekio kaj Taĝikio. Mi donis al li mian retadreson, sed ne demandis lian retadreson, ĉar mi spertis, ke ĉiuj SNS kaj retadresoj estas ŝtopitaj de la ŝtato. Ni devas zorgi pri la sekureco de estontaj esperantistoj. Mi atendas lian skribon kun negranda espero.

Gafur havas planon okazigi E-kurson en Turkmenio, sed li devas zorgi la politikan situacion de la lando.

(fino)






Du unuaj aranĝoj ĉi-jare okazos en Meza Azio:

**Taĝikio** **Meza Azia Kunveno (1-a)** 05-01 ~ 09 Duŝanbeo



retejo: https://uea.org/vikio/Unua_Mez-Azia_Kunveno

retadreso: mezaziakunveno@gmail.com

**Uzbekio** **Internacia Taŝkenta E-Renkontiĝo (1-a)** oktobre Taŝkento

retejo: https://youtu.be/C1vJ3yZfMnY?t=205

## La KAOEM-anoj ( junio 2019 – junio 2022 )

◇Prezidanto: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp
◇Vic-: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
◇Sekretario: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
◇Vic-: Sondang Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com

◇Reprezentantoj:

▪Okcidenta kaj Centra Azio
**Israelo**: Eran Vodevoz (s-ro), evodevoz@yahoo.com
**Irano**: Hamid Babadi Akasheh (s-ro), hamid.babadi@gmail.com
**Taĝikio**: Firdaus Shukurov (s-ro), komintel@yandex.com

▪Suda Azio
**Pakistano**: Irfan Mehdi (s-ro), irfanmehdi.esp@gmail.com
**Barato**: Giridhar Rao (d-ro), agiridhar.rao@gmail.com
**Nepalo**: Mukunda Raj Pathik (d-ro), mpathik@gmail.com

▪Sud-Orienta Azio kaj Oceanio
**Vjetnamio**: Nguyen Thi Phuong Mai (s-ino), goldenprocom@gmail.com
**Indonezio**: Ilia Sumilfia Dewi (s-ino), ilia.dewi@gmail.com
**Aŭstralio**: Sandor Horvath (s-ro), sandorhorvath07@gmail.com
**Nov-Zelando**: Bradley McDonald (s-ro), bradley@nzea.org.nz

▪Orienta Azio
**Ĉinio**: Wang Ruixiang (s-ro), lamondo@163.com
**Mongolio**: Chimedtseren Enkhee (s-ro) chimedtserenenkhee@yahoo.com
**Koreio**: Oh Soonmo (s-ino), soonmo1010@hanmail.net
**Japanio**: Nisinaga Atusi (s-ro), acero@an.email.ne.jp

---

◇Honoraj prezidantoj de KAOEM:
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Lee Jungkee (Koreio): leejungkee@khu.ac.kr
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro31@gmail.com
Wang Ruixiang (Ĉinio) lamondo@163.com

**Karaj legantoj**, mi esperas, ke vi ricevos tiun ĉi <januaran> kajeron enorde en januaro, kaj ke mia prokrastemo ne difektos reputacion de japanoj pri diligenteco kaj akurateco. Ĉie okazas escepto.



Nu kiel niaj prezidanto s-ro Nisinaga kaj granda pioniro d-ro So Gilsu skribas ĉi-numere, nun en Azio kaj Oceanio troveblas ĝermoj de novaj tajdoj por la movado. Do ankaŭ por kunlaborante kreskigi ilin daŭru viaj raportoj kaj niaj observemoj!

Por la sekvanta <aprila> numero viaj raportoj, informoj kaj opinioj atingu nin antaŭ la **10-a de marto** ĉe: anatiti.7@gmail.com (Kaŭa)

## Retpaĝoj de KAOEM

(1) La retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/

(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo :
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356

(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?

A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de via landa Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novaĴo

B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado

C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj

**Esperanto en Azio kaj Oceanio**
Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (AOK/KAOEM)
Adreso de KAOEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAOEM: preparata
Retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: KAWAMOTO Hiromi (Kaŭa): anatiti.7@gmail.com
Japanio 350-1307 Saitama-ken Sayama-si Gion 21-32